2a JARO JULIO 1910 9a NUMERO (21)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de VAN DER BIEST-ANDELHOF, direktoro ;
LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS kaj
OSCAR VAN SCHOOR.

| ABONPREZO : | Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen, Anvers. |
|---|---|
| Belglando . . . Fr. 4.— (Sm. 1.60) | Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id. |
| Eksterlando . . Fr. 5.— (Sm. 2.—) | Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id. |
| Unu numero . . Fr. 0.40 (Sm. 0.16) | |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Esperanto ĉe la universala ekspozicio de Bruselo

Neniam antaŭe nia lingvo estis tiel efike reprezentata en Belgujo kiel nun. Ĉe la Universala Ekspozicio, kie ĉiuj nacioj kontaktiĝas 8 monatojn, kaj ĉe la 80 internaciaj kongresoj kunvenantoj en Bruselo dum la sama tempo, la propagando de Esperanto estas tiel bone organizita ke ĝi nepre portos riĉajn fruktojn al nia entrepreno kaj al la internacia vivo entute.

La grandaj linioj de la esperantista movado, la detaloj kaj specialigo de la aplikadoj de Esperanto, estas prezentataj al la vizitantoj de la Universala Ekspozicio per *esperantistaj paroladoj*, serio tre interesa, kiu altiras al si tre atentan aŭskultantaron.

Ni nomas la pritraktitajn temojn : I. *Esperanto kaj la Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj* (S-ro Prof. Carlo Bourlet, Parizo) ; II. *Esperanto en la komercistaro* (S-ro H. Hodler, Ĝenevo) ; III. *Esperanto antaŭ la publika opinio* (S-ro Adv. Jean Jongen, Seraing) ; IV. *Lernu Esperanton !* (S-ro A. J. Witteryck, Bruĝo) ; V. *La krizo de la patriotismo en la internaciaj rilatoj* (S-ro Prof. Gautherot, Parizo) ; VI. *Esperanto, la praktika solvo de la problemo* (S-ro Pastro Richardson, Bruselo).

Ĉi tio estas nur la teoria flanko de nia propagando. Sed ankaŭ la praktika propagando estas bonege prizorgita ; ĝi grupigas la jenajn fakojn :

1. La esperantista informejo de la *Internacia Instituto de Bibliografio ;*
2. La ekspozicio de Esperanto de la *Centra Oficejo de la Internaciaj Asocioj ;*
3. La kongresa sekcio de la *Internacia Scienca Asocio.*

* * *

*Esperantista informejo de la Internacia Instituto de Bibliografio.* — La informejo troviĝas en la Universala Ekspozicio, sekcio de Belgujo, ĉefa enirejo, dekstre sub la kolonaro. Oni povas tie havi ĉiujn bezonatajn informojn pri Esperanto kaj legi la gazetojn, kiujn la diversaj esperantistaj redakcioj tien afable alsendas. Samloke ekzistas granda provizo da utilaj propagandiloj por disdoni.

*Ekspozicio de Esperanto de la Centra Oficejo de la Internaciaj Asocioj.* — Ĉi tiu ekspozicio estas speciala fako dediĉita al Esperanto en la ĝenerala ekspozicio organizita de la Centra Oficejo de la Internaciaj Asocioj (*Palais du Cinquantenaire*). En 12 vitromebloj estas elmetitaj ĉiuj verkoj en kaj pri Esperanto. Specialaj aranĝoj montras la praktikan aplikadon de nia lingvo en scienco, komerco, turismo, k. c. Sur la muroj oni vidas 15 geografiajn kartojn, kie la disvastiĝo de Esperanto estas prezentata per verdaj surpingle fiksitaj flagetoj. Grandaj sinoptikaj tabuloj montras cifere kaj grafike la nombron de la societoj kaj gazetoj ; ili ĉefe altiras la atenton por la progresado de Esperanto dum la pasintaj 23 jaroj (1887-1910).

La ekspozicio do donas entute bonegan klarigon pri la nuna stato de nia laboro en la tuta mondo, montrante *la rezultatojn jam atingitajn.*

*Kongresa sekcio de la Internacia Scienca Asocio.* — La kongresa sekcio troviĝas en la centra oficejo de la *Internaciaj Asocioj*, 3 bis, rue de la Régence. Ĝi celas enkonduki Esperanton ĉe la internaciajn kongresojn okazantajn dum la universala ekspozicio (ĉ. 80). La sekretario de la sekcio sin turnas oficiale al la kongresestraroj kaj ĉeestas la kunvenojn de la kongresoj.

Pri la kongresoj mem la sekretario verkas specialajn raportojn en Esperanto ; tiuj raportoj estas publikigataj en la *Revuo de la Kongresoj*, speciala aldono de la *Revue des Congrès*, kiun la Centra Oficejo de la Internaciaj Asocioj publikigas. Oni facile komprenas la gravan signifon, kiun la kongresa sekcio tiel havas por la propagando de Esperanto kiel oficiala kongreslingvo, ĉar la *Revuo de la Kongresoj* estas dissendata al ĉiuj membroj kaj komitatoj de la okazintaj kongresoj, kaj al multaj oficialaj institucioj en la tuta mondo.

Por ke la *Revuo de la Kongresoj* povu pligrandigi sian agadkampon, la sekretario de la kongresa sekcio petas ĉiujn samideanojn en ĉiuj landoj ke ili bonvolu alsendi al li oficialajn sciigojn kaj dokumentojn, en ia ajn lingvo, koncerne ĉiujn internaciajn kongresojn, kiuj okazas en Eŭropo kaj Ameriko; se eble ili aldonu raportojn pri la kunsidoj de tiuj kongresoj.

Kunligita kun la kongresa sekcio troviĝas en la kolektiva biblioteko de la sciencaj societoj *biblioteko Esperanta*, kie oni povas studi diversajn verkojn kaj revuojn, laŭ interkonsento kun la sekretario.

La supre skizita teoria kaj praktika laboro farata ĉe la Universala Ekspozicio kaj la internaciaj kongresoj, kune kun la energia kaj ampleksa propagando, kiun la *Belga Ligo Esperantista* faras ĉie en la lando per la nelacigebla agemeco de sia Prezidanto kaj Estraro, sendube produktos la efikon ke Belgujo baldaŭ fariĝos unu el la landoj kie nia lingvo estas plej fortike organizata. Kaj kiam la urbo Antverpeno, la proksiman jaron, povos saluti bonvenon al la VIIa Universala Esperanto Kongreso, ĝi certe donos al la tutmonda samideanaro la plej indan akcepton.

FR. DE SKEEL-GIÖRLING.

---

# Kongreso de la gazetistaro kaj esperantista semajno en Bruselo

(22 - 26 julio 1910)

Inter la 80 internaciaj kongresoj okazantaj dum la universala ekspozicio de Bruselo troviĝas **la dua internacia kongreso de la gazetistaro**, kiu kunvenos en Bruselo la 24an, la 25an kaj la 26an de julio.

Ĉi tiu kongreso prezentas unikan okazon por montri al la tutmonda gazetistaro la praktikan aplikeblecon de Esperanto kaj la gravecon de la esperantista gazetaro. La esperantista gazetaro estos oficiale reprezentata ĉe tiu kongreso al kiu speciala raporto estos prezentata ; en la kunvenejo mem de la kongreso estas ankaŭ organizata ekspozicio de ĉiuj esperantistaj gazetoj kaj revuoj. Laŭ interkonsento kun la estraro de la kongreso, speciala esperantista sekcio estos plene dediĉata al la propagando de Esperanto. La kunveno de tiu ĉi sekcio estas definitive fiksita je la 25a de julio de 4 h. ĝis 6 h. ptgmz., en la granda festa palaco de la ekspozicio. La programo konsistos en diskutadoj en Esperanto inter esperantistoj de diversaj nacioj, koncerteto kun esperantaj kantoj kaj prezentado de teatraĵo en Esperanto.

Por doni al tiu manifestacio la plej grandiozan efikon kaj ankaŭ per progresigi la propagandon de Esperanto en la ĉefurbo de Belgujo, la Belga Ligo decidis inviti siajn samideanojn de Belgujo kaj apudaj landoj partopreni en

**ESPERANTISTA SEMAJNO**

kiu okazos de la 22a ĝis la 26a de julio.

La esperantista semajno plej efike ebligos la propagandon de nia kara lingvo ; estas do dezirinde ke la belga esperantistaro ne estu indiferenta pri tiu grava kaj granda elmontro.

La aniĝo en la kongreso de la gazetistaro estas 12, tiu en la esperantista semajno 2 frankoj. La organiza komitato pre paras ĉiujn dezirindajn aranĝojn por ke la restado de niaj

samideanoj en Bruselo estu kiel eble plej agrabla, kaj prenas sur sin rezervi loĝadon al la kongresanoj.

Tiu komitato konsistas el S-roj H. Lafontaine, senatano, honora membro de la B. L. E. ; Sandron, prezidanto de la Esperantista Grupo de Bruselo, Pastro Richardson, vic-prezidanto de la B. L. E. ; Gaston Berger, advokato, sekretario de la « Cercle Polyglotte » ; F-ino Maria Moreau ; S-roj Mertens, Mathieux, René Dubois ; Fr. de Skeel-Giörling, redaktoro de la « Revuo de la kongresoj ».

Por faciligi la laboron de la organiza komitato, oni bonvolu aniĝi plej malfrue antaŭ la 15a de julio. Pliaj informoj estas haveblaj en la sekretariejo : *3bis, rue de la Régence, Bruxelles.*

---

# Tutmonda ekspozicio de Bruselo

APRILO - NOVEMBRO 1910

## CIRKULERO

INFORMEJO. — Je la ĉefa facado de l'Ekspozicio, dekstraflanke, sub la kolonaro.

Oni bonvolu siu turni al S-RO VERMANDEL, ĝenerala agento, kiu bonvole donos ĉiuspecajn informojn. Tenejo de esperantistaj libroj, propagandiloj, programoj k. t. p.

En la holanda pavilono, niaj samideanoj povos interparoli Esperante kun S-ro BLES, ĉe kiu ankaŭ ĉiaj informoj estos haveblaj.

GASTOTABLOJ,RENDEVUOJ.—En la ekspozicio : **Café-restaurant Pavillon Métropole,** *kontraŭflanke de la holanda pavilono.* — En la Urbo : **Hôtel du Moulin d'Or,** *30, rue d'Assaut,* loĝejo malkara kaj komforta, tre rekomendinda restoracio, kunvenejo de la komitato de la Belga Ligo Esperantista. — **Café Métropole,** *Place de Brouckere,* kaj **Café Majestic,** *Porte de Namur.*

ESPERANTISTA OFICEJO. — *3, rue du Bois - Sauvage,* kontraŭflanke de la ĉefpreĝejo S^te^ Gudule.

KUNVENOJ DE LA BRUSELA GRUPO ESPERANTISTA. — Ĉiumerkrede kaj sabate, je la 8a vespere en la **Poliglota Klubo,** *3, rue de Ravenstein, Ĉambro N ro 7.* La fremdaj gesamideanoj ĉiam ricevos la plej koran akcepton.

GRAVA AVIZO. — La esperantistoj estas petataj dum sia vizito al la ekspozicio kaj al la urbo Bruselo :

1e. — Ĉiam porti la verdan stelon ;

2e. — Ofte peti sciigojn Esperante por montri al la publiko la gravecon de nia internacia lingvo.

3e. — Interrilati plej ofte kun samideanoj kaj publike paroli Esperante kun ili ;

4e. — Regule ĉeesti la kunvenojn de la Br. G. E.

5e. — Sciigi, se ili vojaĝas « karavane », la horon kaj la stacidomon de sia alveno al la subskribinta sekretario de la Brusela komitato. Se eble, ili estos akceptataj de Bruselaj samideanoj La Sekretario ankaŭ donos tre kompleze kelkajn adresojn de rekomendindaj hoteloj ; tamen, pro la multnombreco de la atendatoj, li ne povas certigi ke ĉiam estos liberaj ĉambroj.

*Por la Belga Ligo Esperantista :*

La ĝenerala Sekretario, La Prezidanto,

**Léon CHAMPY.** **VAN DER BIEST-ANDELHOF.**

*Por la Brusela loka komitato :*

La Sekretario,

**A. RICHARDSON,**

121, rue du Marais, Bruxelles.

# Esperanto inter la Junularo

Dimanĉon la 13an de Majo, la junuloj ĉeestintoj la Bruĝan kongreson kunvenis kaj principe decidis fondi Belgan Federacion de la Junaj Esperantistoj (B. F. J. E.). Provizora komitato estis starigata por ellabori agadplanon kaj regularon. Ĝi konsistas el unu deligito po ĉiu urbo, kie estas junaj esperantistoj. Antverpeno, Bruselo, Gento, Lieĝo kaj Namuro estas jam reprezentataj. Ĉar la komitato devas plennombriĝi kaj havas la taskon kolekti ĉiujn sciigojn pri junuloj en Belgujo, la junaj Esperantistoj bonvolu sendi sian adreson al la provizora prezidanto : *Louis Van Aubel, 40 Rue sur la fontaine, Liège.*

Inter aliaj punktoj, la fondintoj de tiu Federacio decidis:

1e) ke, konsiderante la Belgan Ligon Esperantistan kiel ĝeneralan ligilon inter ĉiuj esperantistaj fortoj de la lando, la B. F. J. E. petos sian aliĝon al la B. L. E.;

2e) ke, kvankam junulaj grupoj ne konkurence malutilus aliajn organismojn, la B. F. J. E. instigos la junulajn grupojn filiiĝi al la lokaj grupoj.

La celo de la Federacio estas organizi la propagandon de Esperanto ĉe la junuloj en la tuta lando. Tial ĝi penos kunligi ĉiujn jam ekzistantajn grupojn de junuloj por ke ili povu reciproke sin subteni. En la lokoj, kie ne ankoraŭ ekzistas junulaj grupoj, la Federacio klopodos por grupigi la izolitajn junajn Esperantistojn.

Jam de nun grupoj kaj individuoj povas aliĝi la Federacion kaj estas insiste petataj sin konigi al la provizora komitato.

Ĉiuj junaj Esperantistoj el Belgujo komprenos la gravecon de tia propagando por la fina estonta triumfo de Esperanto ;

ili volos helpi al ĝi, propagandante inter siaj samaĝuloj ; tial ili senprokraste aliĝu kaj subtenu la naskiĝantan Belgan Federacion de la Junaj Esperantistoj.

LOUIS VAN AUBEL,
provizora prezidanto de la B. F. J. E.

# El pasintaj tagoj

## Pejzaĝo

Kiam, tra la zorgoj kaj la priokupadoj de la vivo, mi pripensas mian dolĉan junecon, kiam, en revo, la aro de miaj iamaj amikoj kaj konatuloj preterpasas, tiam estas por mi granda ĝuo ripozigi mian fantazion sur la pentrindan lokon, kie forflugis mia infaneco, kie kiel junulo mi vivadis.

Tre malmulte da verkistoj aŭ artistoj pruvis priskribi aŭ pentri la ravan kaj ĉarman ejon, kiu ofte alridetante min allogas. La Sud-okcidenta parto de la Orienta Flandro estas tamen belega regiono. La Skeldo per kapricaj meandroj tra la valo serpentumas ; verdaj herbejoj kun nekalkulebla floraro etendiĝas ĝis la malproksima horizonto ambaŭflanke de la rivero ; kampoj fruktodonaj paradas per molaj furajaj kreskaĵoj kaj oraj rikoltoj ; koketaj kampobienoj kaj imponantaj kasteloj sin montras tra densaj arbaretoj kaj ombraĵitaj aleoj. Oni tie ĉi kaj tie ja rimarkas malriĉajn kabanojn kaj per argilo konstruitajn domojn, sed ankaŭ belajn burĝajn loĝejojn kaj prosperajn farmdomojn, kie regas agemeco kaj bonhavo. La tuta lando havigas impreson de kontenteco kaj ĝuado.

Rimarku tiujn montetojn oriente kaj okcidente, kiuj limigas la pejzaĝon ! Vere bela estas ilia aspekto, precipe dum la printempo, kiam sur la supro kaj la deklivo de la montoj la arboj sin vestas per juna foliaro, kaj kiam la palflavaj floroj de la kolzo bonodoras.

Multe da jaroj foriĝis de l'tempo kiam mi haltadis meze de tiuj riĉaj kampoj, kiuj lasis al mi daŭran memoron de de paca agrableco kaj de vivamo. Ili ĉiam aperas al mi ĝojaj kaj sunbrilaj, kiel mia juneco mem, autaŭ de longe pasintaj jaroj.

AMATUS.

# ESPERANTO FACILA

## ESPERANTISTA PROMENADO en la BRUSELA EKSPOZICIO

Ni veturis Bruselon triope : La Homo, La Bonulo kaj mi.

Jam, en la vagonaro, signifplena fakto incitis nin komenci nian propagandon por Esperanto. Du aliflanke sidantaj kunvojaĝantoj mute, sed moke, rigardadis niajn verdajn steletojn ; en angulo de la vagonfako, fremdlandano legis la jurnalon « Romanul ».

Envenis gardisto, al kiu la fremdlandano demandis pri ia informo rilate al sia fervoja biletaro. La gardisto neniel komprenis lin, kvankam provante komprenigi sin mem flandre, france, germane.

Nia amiko La Homo intervenis en ilian interparoladon : « Ĉu vi ne parolas Esperanton, Sinjoro ? » La fremdlandano sendube jam sciiĝis ion pri nia lingvo, ĉar liaj nigraj okuloj ekbrilis, kaj montrante niajn verdajn stelojn, li kapmove respondis « ne » kaj diris sopirante, kvazaŭ (1) kun bedaŭro : « Ha, Esperanto »....

Al la kvar aliaj personoj La Bonulo tuj disdonis ŝlosilojn de Ĉefeĉ kaj mi pruvis al ili kiom grava kaj bonvena estus en tiu ĉi okazo la uzo de Esperanto kiel helpa lingvo. Ilia konkludo, plibone la solvo de la afero, estis klare jena :

Personoj, kiuj vojaĝas al malproksimaj landoj devas nepre koni ĉu multajn naciajn lingvojn ĉu la unu celtrafan helplingvon : Esperanton. Aliflanke, en ĉiu internacia aŭ ĉefa vagonaro, almenaŭ unu el la gardistoj devus scii la Zamenhofan lingvon kaj videble porti la verdan stelon.

* * *

Iam ni aŭdis esprimi la opinion ke paroli Esperanton dum multaj horoj estas laciga. Mi konsentas ke, por komenculoj, post longa periodo de sen-ekzercado, la unua horo de Esperanta interparolado povas prezenti malhelpaĵojn (3) kaj malfacilaĵojn. Sed ĉiuj samideanoj, kiuj volas longdaŭre paroli Esperante, konstatos ke, en nia lingvo, pli ol en iu alia, ju pli longdaŭre, des pli bone kaj facile oni parolas.

Estis la kvara posttagmeze...

Niaj ses kruroj estis multe pli lacaj ol niaj tri langoj. Tamen, ni ĉiam daŭrigis babilante nian promenadon tra la grandaj haloj de l'ekspozicio.

Ofte ni haltis antaŭ iu montrejo, rigardis ŝtofojn, vestaĵojn, maŝinojn aŭ aliajn artiklojn, kiuj interesis nin, pri kies ecoj ni parolis kaj kies prezojn ni demandis al la vendistoj, — ĉiam Esperante.

Trifoje, en la holanda, en la dana kaj en la rusa fakoj (4) ni ricevis samlingvan respondon. Tio kompreneble estis tro malmulte por kontentigi nian Esperantan fierecon ; do ni persistis (5) en nia propaganda laboro.

Nun ni alvenis en parto de l'ekspozicio, kie multaj landoj, Austrujo, Turkujo, Grekujo kaj Egiptujo, elmontras siajn produktaĵojn. Malgraŭ la granda varmeco, densaj popolamasoj ĉie baris (6) la vojojn.

En tiu parto estas granda nombro da vendejoj, kie oni povas aĉeti ĉenojn, broŝojn, perlojn, maloftajn ŝtonojn, tapiŝojn, veran turkan nugat'on, vinon, kaj ĉiuspecajn kuriozaĵojn. Ni decidis aĉeti tie kelkajn memoraĵojn (7) por niaj familianoj.

– Voilà de beaux colliers en véritable nacre, Messieurs ! Regardez donc !

— Ĉu vi parolas Esperanton ?

— Very cheap, Sir ! Kaufen Sie diese Brosche. Se hablas Español...

— Mi demandas ĉu vi ne komprenas la internacian lingvon Esperanton ?

— Ah ! la langue internationale ? Je regrette, Monsieur...

— Mi ankaŭ bedaŭras... Adiaŭ !

Bedaŭrinde certe, ne vere ? Ĉu granda internacia ekspozicio, kiel tiu de Bruselo, ne estas la tute difinita loko por montri al ĉiuj la nepridisputeblan praktikecon de Esperanto ?

Ni ne perdis kuraĝon. Daŭrigante nian promenadon, ni ree trovis ĉarman vendistinon, kiu komprenis nin kaj respondis en Esperanto sufiĉe komprenebla. Tie ni ĉiuj aĉetis ian memoraĵon.

Tie ankaŭ mi unuafoje vidis apud ni strangan, maldikan, nigraharan sinjoron, kiu ŝajnis observi nin tra grandaj okulvitroj. Mi tuj montris lin al miaj du amikoj.

Dum tiu fama tago, unu el niaj ĉefaj pekoj (8) estis esprimi gajajn opiniojn en Esperanto pri personoj el nia ĉirkaŭaĵo, kiuj plej ofte ne komprenis nin ; — la amuzo ne estas sendanĝera ! Rilate al la ĉiam apudestanta sinjoro, La Homo tuj ekkriis :

— Atentu viajn monujojn, amikoj !

— Li estas Hispano, opiniis La Bonulo, jam ĉe la alia butiko mi rimarkis ke li intencis interveni, kiam li aŭdis la hispanan lingvon.

— Laŭ mi, li similas (9) la Rumanon de nia vagonaro.

— Tute ne ! li havas japanan haŭtkoloron.

— Lia misterplena rigardo volas trabori (10) nin. Se li komprenus ?

— Nun mi scias : li certe estas Kelmikrobo !

La popolamaso iĝis iom malpli densa. Neatendite (11) la fremdulo staris antaŭ ni, kun la feltĉapelo (12) en la mano. Li tre afable alparolis nin :

— Senkulpigu min, Sinjoroj, mi estas samideano. Mi ne portas mian verdan stelon, tial ke mi perdis ĝin. Mi jus volas demandi al vi, kie mi povas aĉeti alian?

— Ho, Sinjoro! eble vi aŭdis! Ne estu kolera pro nia malsprita (13) interparolado pri via persono. Ni... ni...

— Male! mi estas kontenta ke mia persono havigis jus al samideanoj ian senkulpan amuzajon.

— El kiu lando ki venas, mi petas?

— Mi estas nek Hispano, nek Slavo, nek Japano. Tial ke vi meritas ma'grandan punon pro via mokado pri samideano, permesu al mi resti por vi nekonata, almenaŭ dum kelka tempo. Mi do vojaĝos « inkonjito », kiel reĝo aŭ princo.

— Ni nomos vin: Sinjoro Senlandano.

Ni invitis mian misteran samideanon partopreni en nia esperantista promenado tra la ekspozicio. Kune ni trovis en la belga fako, dekstre de la ĉefa enirejo, la Esperantistan Informejon de la Internacia Instituto de Bibliografio, kie nia fremda amiko povis aĉeti novan verdan steleton, kaj kie ni ĉiuj entuziasmiĝis pro la graveco kiun Esperanto jam akiris en la mondo.

Tie ankaŭ nia nova amiko provis ke li scias ĉion pri la karaktero de nia lingvo kaj pri ĝia disvolviĝo. Li parolis Esperanton mirinde flue. Neniam ni renkontis samideanon, kies elparolado Esperanta estis tiel korekta kaj pura, ke lia deveno estis neniel supozebla.

* * *

Sinjoro Senlandano estis ankaŭ tre inteligenta, tre sprita, tre ĝojema. Ni amuzis nin treege en lia societo.

Post longa vizito de la haloj, li ripozis kun ni en granda trinkejo de la ĝardenoj, kaj dum tiu ripozo, li diskutis kun ni pri ĉia serioza movada afero, poste rakontis almenaŭ centon da neeldonitaj (14) spritaĵoj.

Je la oka vespere ni estis malpleniĝintaj respektindan nombron da duonlitroj da hela biero (mi jam diris ke estis tre varme... kaj la biero estis tre freŝa!)

Tiam La Homo, kvazaŭ heligita, ne de la hela biero, sed de subita lumo, stariĝis kaj turnis sin al la fremdulo.

« Sinjoro Senlandano, vi parolas kiel libro, vi ridas kiel germana gaja ilustraĵo, vi trinkas tiom kiom ni triope: vi estas germana profesoro aŭ la diablo mem! »

Kaj nur tiam donante al ni sian vizitkarteton, la fremdulo konfesis. (15)

« Mi ne plu kaŝos min, Sinjoroj, mi havas la honoron nun prezenti min mem: Profesoro K... (16), el Munchen'o. »

Tiam ni komencis prilabori novan tagordon, kies daŭrado kaj gajeco estis kaŭzo ke... ni alvenis tro malfrue por reveturi per la lasta vagonaro. SKALDO.

*Klarigoj* : 1) kvazaŭ, alsof, comme si : — 2) celtrafa, doeltreffend, efficace ; — 3) malhelpajo, hindernis, obstacle, — 4) fako, afdeeling, compartiment ; — 5) persisti, volharden, persévérer ; — 6) bari, versperren, obstruer : — 7) memorajo, aandenken, souvenir ; 8) peko, zonde, péché ; — 9) simili, gelijken, ressembler ; — 10) trabori, doorboren, perforer ; — 11) neatendite, onverwachts, à l'improviste ; — 12) felto, vilt, feutre ; — 13) malsprita, dom, stupide ; — 14) neeldonita, onuitgegeven, inédit ; — 15) konfesi, bekennen, avouer. — 16) La respektinda profesoro K... konsentis pri mia raporto rilate al nia renkonto, kondiĉe ke mi priskribu ĝin fidele ; tion mi faris kiel ĉiam.

# HUMORAĴOJ

## Bona Rimedo

Naivega vilaĝano, kondukante per kolbrido sian azenon, laŭiris la trenirejon. Ŝipisto, kiu gudrumis sian ŝipon, estis ekbruliginta, sur la vojo mem, grandan fajron, por varmigi la gudron.

La azeno, timigita ĉu de la flamo, ĉu de la densa kaj nigra fumo, kiu supreniris el la kaldrono, subite haltis kaj, malgraŭ la kriadoj, malgraŭ la batoj, kiujn al ĝi malavare donis ĝia mastro, la malfeliĉa besto, arkigante siajn krurojn, faligante siajn orelojn, kun tiu obstineco, ĉefa eco de la azena gento, energie rifuzis fari eĉ unu paŝon.

Tiam la ŝipisto diris al la vilaĝano :

« Atendu ! mi sukcesos irigi ĝin, mi ! Bonan rimedon mi havas por tio. Vi tuj vidos. Nur, firme tenu ĝin. »

Kaj, trempinte sian penikegon en la bolantan gudron, li forte surmetis ĝin tien, kie la azena vosto estas plej proksime de ĝia dorso. La besto ne atendis duan surmeton : kvazaŭ sublevita de fortega risorto, ĝi saltegis je la kvar piedoj kaj, renversinte la mastron, ĝi ekkuris tiel rapide, kiel sago.

Tute kontuzita de sia falo, la vilaĝano restariĝis kaj, malfermegante la okulojn kaj la buŝon, kun nepriskribebla mirego, li rigardadis sian beston, kiu pli kaj pli malproksimiĝis per diabla galopado. Fine, la vilaĝano kuris por sekvi kaj repreni ĝin : sed baldaŭ ekkoninte la neutilecon de siaj klopodoj, kaj kaptite de unu el tiuj subitaj inspiroj, kiujn, solaj, la grandaj katastrofoj povas naski, li revenis al la ŝipisto kaj, montrante al li sian... dorson, li diris :

« Rapidu ! donu ankaŭ al mi vian rimedon, por ke mi povu atingi mian azenon. » E. V. Honincks.

## Oni faras kion oni povas

— Mi aŭdis, kara doktoro, ke vi faras versaĵojn...
— Estas por mortigi la tempon, estimata sinjorino.
— Ĉu do vi ne plu havas pacientojn ?

## Singarde

*Patro.* — Ĉu vi ricevis vian ateston, Peĉjo ?
*Peĉjo.* — Jes, paĉjo.
*Patro.* — Montru ĝin.
*Peĉjo.* — Ĉu ne estus preferinde manĝi antaŭe ?

# DIVERSAJ INFORMOJ

**Sesa internacia kongreso de Esperanto, Washington (14-16 de aŭgusto)** La Registaro de Usono baldaŭ sendos per la Usonaj ambasadoroj inviton al ĉiu lando por ke ĝia registaro estu reprezentata de delegitoj ĉe la sesa internacia kongreso de Esperanto.

La organiza komitato faras alvokon al la belgaj esperantistoj por ke ili petu de la sia landestraro, ke ĝi reprezentiĝu sin oficiale ĉe la kongreso.

— **Esperanto- kongreso en Kopenhago** okazos je la fino de aŭgusto 1910, samtempe kun la granda internacia laborista kongreso, kies tagordo enhavas i. a. *enkondukon de internacia lingvo.*

La kongresa komitato jam pretigis provizoran programon :

« La malferma festo okazos en unu el la plej belaj kaj grandaj ĉambrego j en Kopenhago, kiu estos riĉe ornamata per la flagoj de ĉiuj nacioj. Horo de 200 viroj kantos belan kantaton. Post tio la oficialaj parolantoj de en-kaj eksterlando havos la parolvicon, kaj la interŝanĝo de salutoj el ĉiuj nacioj okazos.

»Estos aranĝata ekspozicio kun aliro ankaŭ por ne-Esperantistoj ; en tiu okazos paroladoj kaj koncertoj.

»Oni ankaŭ invitos la kongresanojn por veturado tra la tuta urbo per flagornamitaj aŭtomobiloj.

»Plie oni aranĝos ekskurson per speciala vaporŝipo laŭlonge la — pro sia beleco famekonata kaj de la poetoj prikantita — Oresund al la belega banloko *Skodsborg,* kiu dum la vizito estos feste ornamita. Tie, en unu el la plej grandaj establaĵoj, okazos vespera festo kun iluminacio kaj arta fajraĵo.

»La kongreso finiĝos per vespera festo en la mondfama « Tivoli ».

»La kongreso daŭros 3 tagojn kaj la prezo de la kongreskarto, kiu rajtigas partopreni ĉiujn festojn, aŭtomobil-veturadon vaporŝip-ekskurson, estas fiksita je 3 1/2 Sm. Oni klopodos por havigi al la partoprenantoj, kiuj tion deziras, kaj kiuj ĝustatempe sendas sion aliĝilon, malkaran loĝejon.

»La partoprenontoj estas petataj *kiel eble plej baldaŭ* anonci sian partoprenon al la sekretario de la kongresa komitato

*S-ro Ĵurnalisto J. Toft, Thorvaldsensvej 6.* III, **Kopenhago,**

samtempe sendante la monon(3 1/3 Sm.), post kio la kongreskarto tuj estos sendata.»

— **Peto.** — La redakcio de la bohema revuo de gimnastoj « Sokolské Besedy » (Praha - Smichov, Vetavska ul. 728) petas la esperantistojn ke ili bonvolu havigi al ĝi raportojn pri la korpedukado pri gimnastiko, ludoj de junularo, sporto, societoj gimnastaj k. c. kaj se eble prizorgu al ĝi bildojn al tio apartenantajn.

Same ia artikolo pri industrio, por metioj, fabrikoj kaj situacio de laboristaro kaj lernoservantoj — se eble kun bildoj — estus bonvenanta.

— **Studentoj kaj laboristoj.** —Dum la nuna jaro okazos en Bohemujo Mondkongreso de studentoj kaj laboristoj, sub la aŭspicioj de la Ĉiostudenta Asocio. Interesantaj pri la kongreso bonvolu sendi proponojn aŭ peti pliajn informojn al la « Ĉiostudenta Asocio en Praha-Karlin, 90, kiu komplezeme sendos la ian numeron de la gazeto « Gestudentaj Interesoj » post alsendo de unu respondkupono. Jaran kotizaĵon pri la Ĉ. A. akceptas S ro Ed. Ẑatezki en Lwow, pl. Bernardynski 1. 2 a. (Galicio.)

—**Internacia asocio de instruistoj**.—Por respondi pri multaj demandoj kaj deziroj la prezidanto de I. A. I. informas, ke la 1-an de aprilo S-ro Čejka skribis, ke la tria kajero de internacia Pedagogia Revuo estas kompostata. Oni do povas esperi baldaŭan ricevon kaj kontentigon.

I. A. I. anoj vizitontaj la Ekspozicion en Bruselo estas petataj elekti la 1-an de septembro. Tiun tagon ili povos renkonti komitatanojn, almenaŭ la Prezidanton kaj la Sekretarion ĉe la gastotablo de « LE MOULIN D'OR » 30, strato d'Assaut, apud la preĝejo S-te Gudule.

Oni memoru kaj dissciigu.

— **Varietea Esperantista Ligo.** — S-ro Otto Linse, ĝenerala sekretario de la «Varietea esperantista ligo ». atentigas la esperantistoj je tiu organismo kaj deziras varbi, precipe en la grandaj urboj membrojn kaj kelkajn konsulojn. La asocio jam kalkulas pli ol 400 anojn kaj 58 konsulojn. Adreso : Kurprinzstrasse, 22III r., Leipzig. Vidu paĝ. 96 de la jarkolekto de B. E.

—**I.U. E.V.** —La esperantistoj, kiuj deziras aliĝi la Internacian unuiĝon de Esperantistaj Vegetaranoj, bonvolu sin turni al S-ro R. de Ladevèze, Altonaerstrasse, 67, Hamburg 6, (Germanujo).

La mininumaj jaraj kotizaĵoj estas : por regula ano, Sm. 1. — , neregula Sm. 1.50, subtenanta Sm. 5.

**Interŝanĝe de internacia respondkupono la U. E. V. plezure sendos diversajn interesajn presaĵojn al la interesatoj (regularon, flugfoliojn, poŝtkartojn kun diroj de famuloj, « Dek Motivoj » k. c.)**

— **Deziras korespondi** : F-ino Marie Richard, rue Daridan, Issoudun (Indre-Francujo), kun gesamideanoj el Antverpeno aŭ Bruselo.

S-ino Ct de Voogd, Westende, 195, den Haag (Nederland).

S ro José Buyé, Callo Rosendo Nolas, 13. Barcelono (clot), Hispanujo.

# BELGA KRONIKO

## GRAVA AVIZO

*Ni atendas regule antaŭ la 25a de ĉiu monato informojn pri la esperantista movado en la diversaj belgaj urboj kie ekzistas grupoj aŭ loĝas samideanoj.*

**ANTVERPENO. Antverpena Grupo Esperantista.** — La membroj de l' A. G. E. ĉeestis la 23an de aprilo tre agrablan intiman feston je l' honoro de F-ino M. Posenaer, F ino Paŭla de Jaegher kaj S-ro V. Claessens, kiuj plej sukcesplene instruis nian karan lingvon al la novvarbituloj kaj donacis je tiu okazo la sindonajn geprofesorojn per bela memoraĵo, kiel ateston de sia dankemeco.

Ok tagojn poste, amika vespermanĝo kunigis ilin en la granda salono de ilia kunvenejo, Taverne Royale. La plej kora ĝojo ne ĉesis regi, entuziasmaj kantoj resonis, kaj gaja balo, kiu daŭris ĝis la malgrandaj horoj, amuzis la partoprenintojn.

— **Suda Lumo.** — Oni bonvolu adresi ĉiujn korespondaĵojn al la sekretariejo : S-ro Leopold Verbraeken, 46, Lange Achteromstraat (Longue rue Achterom), Antwerpen (Anvers).

**BERCHEM.** — La tiea grupo reorganizis jene sian komitaton :

Prezidanto : S-ro A. Havermans, profesoro ;

Vic-Prezidanto : S-ro D-ro R. Brandligt ;

Sekretario : S ro Aug. de la Haye, bankoficisto ;

Kasisto-Bibliotekisto : S-ro Ed. Philips, profesoro ;

Komitatanoj : S-roj R. Untermann, oficisto ; Fr. Bruynseels, profesoro ; William Gommers, oficisto.

Honor-komitatanoj : S-roj D-ro W. Broeckaert ; Jer. Van Laere, profesoro kaj B. Bastiaens, rentulo.

Sidejo de la grupo : Kafejo « Vroegen Morgen », 69, Poortstr., Berchem.

**BORGERHOUT.** — La grupo « Laboro » malfermis senpagan kurson en la komunuma lernejo, 20, St Erasmusstraat (rue St Erasme), en Borgerhout

La grupaj kunvenoj okazas regule ĉiumerkrede kaj ĉiusabate, je la 8 1/2 a vespere. Kunvenejo « de Passer », 30, Turnhoutsche baan (Chaussée de Turnhout).

**BRUSELO.**—Dum la monato majo la Brusela GrupoEsperantista estis vizitata de multnombraj eksterlandaj samideanoj. i. a. S-ro Generalo Sebert, ano de la « Institut de France », S-ino Sebert ; S-ro Barono kaj S-ino Baronino de Ménil ; S ro Carlo Bourlet, prezidanto de la Pariza grupo ; S-ro Gabriel Chavet, sekretario de la Centra Oficejo ; S-ro de Skeel-Giörling, el Kopenhago ; S-ro R. Dubois, el St Amand les Eaux ; S-ro Colas, ĉefredaktoro de « Espero katolika » ; F ino Lawrence, S-roj Cox kaj Neal, el Anglujo kaj kelkaj aliaj esperantistoj el Holando, Germanujo kaj Suda Ameriko.

De la malfermo de l' Ekspozicio la hotelo « Moulin d'Or » rue d'Assaut (vidu la anoncon !) ĉiutage akceptis esperantistajn gastojn ; same okazis en « Hôtel Métropole » kaj « Pavillon Métropole » (ĝardeno de l' Ekspozicio), kie svingiĝas la esperantista flago

Estu rememorate ke la kunvenoj de la Br. G. E. okazas ĉiumerkrede kaj ĉiusabate en la salono 7 de la hotelo Ravenstein, strato Ravenstein, je la 8a vespere.

La fremduloj vizitantaj Bruselon estos tutkore akceptataj.

**CHARLEROI.** — La « Karloreĝa Esperantista Grupo » estas en plena florado kaj enhavas nuntempe kvindekon da fervoraj membroj.

Gia komitato estas kunmetita jene :

Prezidanto : S-ro L. Delvaux, profesoro ĉe la Reĝa Ateneo ;

Sekretario : S-ro F. Philippens, profesoro ĉe la Reĝa Ateneo ;

Kasisto : S-ro A. Counson, kalkulisto ;

Bibliotekistino : S-ino V. Galand, profesorino de fremdaj lingvoj ;
Komisario : D-ro Dewandre, militista kuracisto.

Diversaj eminentuloj de la urbo partoprenas en la honora komitato de la grupo. Estas S-roj des Essarts, direktoro de la « Journal de Charleroi » ; J. Destrée, advokato kaj membro de la Parlemento ; E. Devreux, urbestro ; A. Léonard, industriisto ; Meurant, direktoro-administranto de la « Agglomérés réunis » ; F. Pastur, konstanta deputato de la provinca konsilantaro kaj Verhoeven, direktoro de la « Gazette de Charleroi ».

Niaj Karloreĝaj amikoj de nun plej fervore klopodas por la sukceso de la 3a belga kongreso, kiu certe denove provos la vivforton de la esperantista movado en Belgujo.

**LIEĜO.** — Fondiĝis en Lieĝo nova grupo, kiu alprenis la nomon « Espero ». La societo jam enhavas dudekon da anoj kaj.

La komitato estas kunmetita jene :
Prezidanto : S-ro J. Lanser ;
Vicprezidanto : S-ro Bass ;
Sekretario : S-ro J. Relavisse ;
Kasistino : F-ino Delhaise ;
Bibliotekisto : S-ro J. Maes.

La kunvenoj de « Espero » okazas ĉiumarde, je la 8a vespere, en la « Café Molitor », 12, Place du Théâtre.

— Sub la titolo : Liége Esperanto la « Lieĝa Esperantista Grupo » eldonas periodikan hektografiitan bultenon. La N-ro I anoncas serion da kunvenoj, okazontaj dum la monatoj junio kaj julio, kaj la malfermon de ĉiujaŭda kurso en la Instituto Paumen, 36, rue André Dumont, je la 5 1/2-a ptm. La kutimaj grupaj kunvenoj okazas ĉiusabate je la 8-a, en la sama instituto. Ĉiuj esperantistoj estas invitataj ĉeesti tiujn kunsidojn ; ili estos tutkore akceptataj.

**VERVIERS.** — La 25an de aprilo okazis la duonjara ĝenerala kunveno de la Esperantista Grupo, kie ankaŭ ĉeestis membroj el la « Verda Stelo » kaj kelkaj lernantoj el la diversaj kursoj.

Dum la muzika parto, kiu sekvis la oficialan, oni aplaŭdis multajn gekantistojn kaj deklamistojn. Grandan sukceson rikoltis la du komedietoj « Bonegaj Atestoj » kaj « Sinjoro Badin », en kiuj ĉefe partoprenis F-inoj Halleux, Jadot kaj Flamand, kune kun S-roj Bernard, Lanthoin kaj Pirnay.

Oni entuziasme kantis nian himnon « l' Espero » kaj la diversajn kantojn el la « Gaja kantaro ».

La festo estis ekskluzive esperantista : oni fumis la cigaredon Esperanto kaj trinkis la « Eliksiron Esperanto ». La « Soldo por Esperanto » ne estis forgesata.

— La 1an de majo oni faris ekskurson al la barejo de la Gileppe en kiu partoprenis krom la V. E G., la « Verda Stelo » kaj Lieĝaj esperantistoj. Plej agrabla estis la renkonto ĉe la Gileppe de dudek-kvin gesamideanoj el Aĥeno. Je la disiĝo, la Verviersanoj promesis viziti la Aĥenan grupon dum la monato junio.

— Du bonaj sciigoj :

S-ro Parotte, la sindona prezidanto de la V. G. E. fianĉiĝis kun F-ino Eva Dumortier, la ĉarma kasistino de la grupo, kaj S-ro J. Bissot, edziĝis kun F-ino Elisa Servais : ambaŭ estas fervoraj esperantistoj.

Tutkorajn gratulojn al ĉiuj !

## Het Esperanto in den Vreemde

Wij betreuren ten zeerste deze kronijk bij gebrek aan plaats te moeten inkrimpen en ons tot de hoofdzakelijkste gebeurtenissen van den laatsten tijd te moeten bepalen.

**BRAZILIË.** — Het IVe congres van geneeskunde, dat onlangs te Rio-Janeiro heeft plaats gehad, heeft eenstemmig de volgende beslissing gestemd :

« In acht nemende den gedurigen vooruitgang en het ontegensprekelijk nut der hulptaal Esperanto, be-

## L'Esperanto à l'Étranger

A cause de défaut de place et à notre grand regret nous nous voyons obligés d'abréger cette chronique et de la réduire aux événements récents les plus essentiels.

**BRÉSIL.** — Le IVe congrès de médecine qui a eu lieu dernièrement à Rio-de Janeiro, a voté unanimement la résolution suivante :

« Considérant les progrès constants et l'utilité incontestable de la langue auxiliaire Esperanto, le IVe congrès

tuigt het IVe congres zijn vertrouwen in deze taal, en beveelt ze aan voor het opstellen van alle internationale werken en verslagen.

Het voorstel werd ingediend door de Hh. Dr. Backhäuser, Conto, Fernandez en Reinaldo Geyer.

**CANADA**. — Onze landgenoot en abonnent Pater De Coene, missionnaris van de orde der Redemptoristen, bestuurder van de «Verda Standardo» te Brandon (Manitoba,Canada), heeft een esperantische groep gesticht onder de Vlaamsche inwoners van Turtle Mountain (Canada). De nieuwe maatschappij heeft den naam aangenomen *La Monto*.

Een hartelijk welkom aan de nieuwe groep en rechtzinnige gelukwenschen aan den dapperen Belgischen pionier!

**DUITSCHLAND**. — Hier wordt algemeen de belangstelling opgemerkt die onze beweging ontmoet in de handels- en nijverheidswereld. Esperanto geniet den steun der handelskamers van Liegnitz,Dresden, Schweidnitz en Kassel. Vele nieuwe groepen werden gesticht, o. a. te Essen a/d Ruhr, een der gewichtigste nijverheids centra van het Rijk. Te Augsburg zal ter gelegenheid van het congres door U. E. A. ingericht, ook datgene plaats hebben der « Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio » (T. E. K. A.), die reeds vertegenwoorders heeft in 120 verschillige steden.

**ENGELAND**. — Het 3e Britsch esperantisch congres, dat op 15-16 Mei te Cheltemham heeft plaats gehad, is uitmuntend geslaagd.

— Te Sutton werd volgens opdracht der gemeente overheid, een leergang ingericht voor policemen.

**FRANKRIJK**. — De landelijke congressen zijn hier aan de dagorde. Dat van den Midden-Westelijken Bond had plaats op 15-16 Mei te Orléans, — van den Midden-Oostelijken Bond op 15-16 Mei te Villeneuve, —de Burgondische Bond vergaderde op 21-22 Mei te Creusot ; — de Noorder Federatie op 5 Juni te Amiens ; — de Bond der Parijzer groepen, op 12 Juni te Charenton ; — die der Rhone groepen op 18-19 Juni te St Etienne.

Al deze congressen genoten den grootsten bijval.

**ITALIË**. — Het congres der Italiaansche esperantisten (Florence, 21-23 Maart) heeft aanleiding gegeven tot de stichting van den Italiaanschen Esperantischen Bond. Het congres heeft de volgende dagorde aangenomen :

« De eerste vergadering der Itali-
» aansche esperantisten schenkt zijn
» volle goedkeuring aan de oficieele in-
» richtingen van Esperanto en hoopt dat
» deze voortdurend met bijval mogen
» ijveren voor de zege van onze taal.»

exprime toute sa confiance en cette langue, et la recommande pour la rédaction de tous les livres et rapports internationaux. »

La proposition avait été introduite par MM. Dr Backhäuser, Conto, Fernandez et Reinoldo Geyer.

**CANADA**. — Notre compatriote et abonné le Père De Coene, missionnaire de l'ordre des Rédemptoristes, directeur du « Verda Standardo » à Brandon (Manitoba, Canada), vient de fonder un groupe espérantiste parmi les habitants flamands de TurtleMountain (Canada). La nouvelle société a pris le nom de *La Monto*.

Une cordiale bienvenue au nouveau groupe et nos sincères félicitations au vaillant pionnier belge!

**ALLEMAGNE**. — On remarque généralement l'intérêt que notre cause rencontre dans le monde commercial et industriel : l'Esperanto est appuyé par les chambres de commerce de Liegnitz, Dresde, Schweidnitz et Cassel. Beaucoup de nouveaux groupes ont été fondés,entre autres celui de Essen s/Ruhr, un des centres industriels les plus importants de l'Empire. A Augsbourg aura lieu en même temps que le congrès de l'U. E. A., celui de la « Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio » (T. E. K. A.), qui a déjà des représentants dans 120 différentes villes.

**ANGLETERRE**. — Le 3e congrès espérantiste brittanique, qui a eu lieu à Cheltenham le 15-16 mai a eu un grand succès.

A Sutton un cours d'Esperanto pour policemen a été organisé sur l'invitation de la municipalité.

**FRANCE**. — Ici les congrès régionaux sont à l'ordre du jour. Celui de la fédération Centre-Ouest a eu lieu à Orléans le 15-16 mai ; — du Centre-Est à Villeneuve le 15-16 mai ; — de la fédération bourguignonne au Creusot, le 21-22 mai ; — de la fédération du Nord à Amiens, le 5 juin ; — des groupes parisiens à Charenton le 12 juin ; — des groupes rhodaniens à St-Etienne, le 18-19 juin.

Tous ces congrès ont admirablement réussi.

**ITALIE**. — Le congrès des espérantistes italiens (Florence 21-23 mars) a donné lieu à la fondation de la Ligue Espérantiste Italienne. Le congrès a adopté l'ordre du jour suivant :

« La première réunion des espéran-
» tistes italiens accorde sa pleine ap-
» probation aux institutions officielles
» de l'Esperanto et exprime l'espoir
» que ceux ci continueront à travailler
» avec succès au triomphe de notre
» langue. »

Er werd besloten dat het volgende congres in 1913 te Genua zal plaats hebben, en dat een propagandatijdschrift zal uitgegeven werden.

**NEDERLAND.** — Ter herinnering : Algemeene vergadering der Nederlandsche esperantisten op 17 Juli in den Haag. Zie het vorig nummer van B.E.onder «Diversaj informoj».

De esperantische groep van Haarlem heeft een geïllustreerd gidsboek der stad, in Esperanto, uitgegeven.

Verschillige Nederlandsche dagbladen deelden zeer gunstige artikelen mede over het congres van Brugge, o. a. *Land en Volk* (Den Haag) en *Het Vaderland* (id.)

**VEREENIGDE STATEN.** — *Zeer belangrijk !* De staat Maryland heeft *officieel* Esperanto op het leerprogramma der openbare scholen gebracht.

Het wetsontwerp werd met de volgende beschouwingen ingeleid :

« In acht nemende, dat de internationale taal Esperanto ongemeenen vooruitgang gemaakt heeft in vele vooruitstrevende natiën en door verscheidene internationale congressen werd aangenomen ;

« In acht nemende dat deze taal de lang gevoelde noodwendigheid bevredigt van een vereenvoudigd verkeermiddel tusschen de natiën, zonder de nationale talen te verdringen, maar aan ieder een tweede taal schenkende;

« Daarom :

« Vaardigt de Staat Maryland eene wet uit, volgens welke in iedere distriktschool onderwezen moeten worden (hier worden de vakken van het programma genoemd);—de wederlandsche taal Esperanto zal onder het opzicht van den Staatsraad van Opvoeding bij de vakken gevoegd worden die in de normaalscholen worden onderwezen en in de openbare scholen der verschillige streken van den Staat »

On a décidé de tenir le congrès suivant à Gênes, en 1913, et de publier une revue de propagande.

**PAYS-BAS.** — Pour mémoire : Réunion générale des espérantistes néerlandais à la Haye, le 17 juillet. Voir notre numéro précédent sous « Diversaj informoj ».

Le groupe espérantiste de Harlem vient de publier, en Esperanto, un guide illustré de cette ville.

Divers journaux ont rapporté très favorablemeut au sujet du congrès de Bruges, entre autres *Land en Volk* (la Haye) et *Het Vaderland* (id.).

**ETATS-UNIS.** — *Très intéressant!* L'État de Maryland vient d'introduire officiellement l'Esperanto dans le programme des études des écoles publiques.

Le projet de loi a été introduit par les considérations suivantes :

« Considérant, que la langue internationale Esperanto a fait des progrès considérables dans beaucoup de nations progressistes et qu'il a été accepté par divers congrès internationaux ;

» Considérant que cette langue satisfait aux besoins d'un moyen de communication très simple entre les diverses nations, sans préjudice pour les langues nationales, mais qu'elle donne à chacun une langue seconde ;

» A ces fins :

» L'Etat de Maryland décrète une loi, d'après laquelle seront enseignés dans toutes les écoles de district (suivent ici les diverses branches du programme) ; la langue internationale Esperanto sera, sous le contrôle du conseil d'Etat d'Education, ajouté aux branches qui sont enseignées dans les écoles normales et dans les écoles publiques des différentes régions de l'Etat.

---

# BIBLIOGRAFIO

« Belga Esperantisto » nur recenzas la verkojn senditajn al ĝi en du ekzempleroj. (Adreso : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers).

**Presejo A. J. Witteryck**, 4, Nieuwe Wandeling (Nouvelle Promenade), Brugge (Bruĝes).

1. **Ŝi ne legos ĝin**, monologo de *D-ro W. Van der Biest*. 7 paĝoj (20 × 10). Prezo (ne montrita) fr. 0,25 = Spd. 10.

Multaj esperantistoj ĉeestis la Verviers'an kaj la Bruĝan kongreson, kie la talentplena F-ino Ida Vermeulen « diris,

ludis, vivis, tiun ĉi monologon », kiel diras la aŭtoro en la dediĉo de sia ĉarma verketo. Ili sendube kun la sama plezuro kiel mi « legos ĝin », la monologon, samtempe spritan kaj kortuŝantan, de nia amiko D-ro W. Van der Biest, monologon kiu akiris la unuan premion en la literatura konkurso, organizita, la pasintan jaron, de la Belga Ligo Esperantista.

2. **Amours espérantistes**, vaudeville en un acte, par le Dr *W. Van der Biest.* 15 pages (20 × 10). Prix (non indiqué) fr. 0.25.

Ce vaudeville, applaudi à Anvers, lors des fêtes organiseés à l'occasion du cinquantième aniversaire de la naissance du docteur Zamenhof, et à Bruges, lors du second congrès espérantiste belge, et dont on annonce la représentation prochaine à Paris et à Seraing, est aussi agréable à la lecture qu'à la scène. Toutes mes félicitations au talentueux auteur, un espérantiste de la première heure, un dévoué et un travailleur.

O. V. S.

3. **Dramo !** monologo de *B. Ledène.* 7 paĝoj (20 × 10). Prezo (ne montrita) fr. 0.25 = Spd. 10.

Tiu ĉi amuza monologo (por sinjoro skribita), premiita de la Belga Ligo Esperantista, sendube ĝuos grandan sukceson. Ĝi estas nepra pliriĉiĝo de la repertuaro de la esperantistaj koncertoj. Miajn plej sincerajn gratulojn al la agema kaj klera sekretariino de l'organiza komitato de la Bruĝa kongreso !

4. **Gvidlitro por turistoj en Bruĝo** de*E. Van Weyenberg.* 32 paĝoj (20 × 10), 34 gravuraĵoj kaj 2 mapoj. Prezo fr 0.50 = Spd. 20.

La bonega verketo de S-ro Van Weyenberg estas tre utila gvidilo en Bruĝo : ĉiuj, kiuj ĉeestis la Bruĝan kongreson spertis tion. Ĝi estas vere lukse eldonita, kaj tio neniun mirigos : al tio nin kutimigis S-ro Witteryck.

5. **Kelkaj floroj esperantaj** (serio 2a numero 1a), de *A. J. Witteryck kun la helpo de la Bruĝa Grupo Esperantista.* 24 paĝoj (20 × 13). Prezo : fr. 0.20 = Spd. 8.

La fervora vicprezidanto de la Belga Ligo ne nur estas zorgplena eldonisto : li ankaŭ distingiĝas per la verkado de jam multnombraj libroj kaj broŝuroj. Ĉiuj liaj amikoj — kaj ili estas multegaj – kun granda ĝojo legos tiun ĉi novan aron da bonhumoraj rakontetoj, ornamitaj per belaj ilustraĵoj.

AMATUS.

## LASTHORE

— **La Verda Stelo.** La grupanoj estas insiste petataj ĉeesti la ĉiumonatan ĝeneralan kunvenon, kiu okazos merkredon, la 20 an de julio 1910, je la 8 1/2a vespere en la kafejo « Zomerhof », 32, Dageraadplaats (Place de l'Aurore).

TAGORDO : 1. Raporto pri la lasta kunveno. — 2. Elekto de 2 komisarioj. — 3. La propagando inter la Antverpenaj societoj. — 4. La sepa internacia kongreso de Esperanto (Aŭgusto 1911.) — 5. Diversaj informoj.

Oni ne sendos specialan kunvokilon. La jena avizo ĝin anstataŭas.